




4/2003
junio/julio
Bulteno de Hamburga Esperanto
Societo r. a.

# 2a Finowkanal-kunveno 2003

20.-22.06.2003 (alventago 20.06.2003)




En belega naturamika domo ĉe Üdersee proks. de Eberswalde (Barnim) bona ideo realiĝos la duan fojon! Geamikoj el Eberswalde kaj Hamburg rekomendas tiun idealan lokon por esperanta kunveno.

Informoj:
Dr. Simon, Eberswalde,Tel: 03334-22 154, Fax: 03334-657 125,
e-mail: khsimon@fh-eberswalde.de
Hannelore Brunow, Hamburg, Tel/Fax: 040-24 07 23,
e-mail: H.Brunow@hamburg.de

Programo

| **Editoraĵoj** | **Karaj legantoj,** |
| --- | --- |

Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidantino:
Dr. Vesna Stanicic-Burchards

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de

Redaktofino de Esperanto Hamburg
n-ro 5/03: 15-07-2003

Hamburga Esperanto-Societo estis fondita en 1904, do en la venonta jaro la klubo fariĝos 100jara. La estraro planas diversajn aktivaĵojn en la klubo kaj al la ekstera mondo. Sed kiel ni prezentu nian domon al gastoj, kun necesejoj kun aspekto de lavejo antaŭ 50 jaroj?
Mi nun jam la trian fojon devis ripari ian difekton en la necesejoj, kiuj iom post iom rompiĝas; do mi proponas komplete renovigi la necesejojn, kun novaj tuboj, ujoj kaj kaheloj sur muroj kaj planko, laŭ la hodiaŭ kutimaj normoj. Tiam ni povos inviti gastojn kaj prezenti nin.
(Cetere ankaŭ al niaj luantoj estas embarasige, kiam gasto „devas".)

*Benno Klehr*

**Sentenco**
Mia patro
instruis al mi labori,
sed li ne instruis al mi,
ŝati ĝin.

*Abraham Lincoln*

## Du und Deine Welt

la granda ekspozicio por ĉiu
29.8. - 7.9. 2003
La Hamburgaj Esperantistoj
denove havos standon.
Helpemuloj bonvolu anonciĝi ĉe Benno Klehr:
Tel. 040 - 43188347
aŭ en la klubejo.

**Kiel Esperanto helpis al mi** de Hilary Chapman

Foje kiam mi, denaska anglalingvano, mencias, ke mi parolas Esperanton, oni petas min kiel scio de la lingvo profitis al mi. Kutime mi respondas per mencioj pri □a amika renkontiĝo en alia lando. Mi listiĝas inter tiuj kiuj lernis Eon jam junaj, do mi povis profiti maksimume el la la akirita lingvo dum vizitoj al deko da landoj en la pasintaj 35 jaroj.
Por mi simple ne eblas nombri la okazojn kiam Esperanto utilis al mi aŭ portis plezuron aŭ pli profundan komprenon pri lando nekonata.
Eble estas indiko, ke mi ne plu estas juna, ke mi ne ĉiam bone retenas la datojn. Feliĉaj memoroj fluas unu en la alian kvazaŭ en sonĝo.
Mi klare memoras la tagon kiam, kiel hezitema junulo 17-jara, mi serĉis la hejmon de pionira franca esperantisto Eloi Motillon. Mi neniam forgesos lian bonkoran akcepton de juna brito, kiu tiun tagon parolis Eon la unuan fojon kun alilandano.
Mi konservas en la menso bildon pri la okazo kiam mi sidis ekster gastejo en Celovec-Klagenfurt, Aŭstrio, kun slovenlingva poeto. Ni diskutis libere pri kredoj kaj etnaj grupoj. Kvankam ni ne ĉiam samopiniis, mi lernis de li multon, ricevante tute alian perspektivon pri mondaj aferoj.
Klaran memoron mi havas pri laborcela vizito al Quimper/Kemper en Bretonio. Restas varmaj memoroj pri kumuna vespermanĝo kun gesamideanoj en Rennes.

Malfacile malaperos la memoro pri vizito al la nekredeble bela marbordo de okcidenta Bretonio; tie Jorj ab Herve-Gwegen klarigis al mi la komplikan lingvan kaj politikan situacion en Bretonio. Rezulte de tio dum naŭ jaroj mi ne ĉesas esti en kontakto kun Jorj, ĉu letere, ĉu telefone, ĉu retpoŝte.
Tiom abundas la memoroj ... Helpe de esperantista dungito mi povis viziti fakan nepublikan parton de antikva biblioteko en Bologna. Dum vizito al Ĉeĥa Respubliko kiel membro de kimra virvoĉa ĥoro, mi povis trinki belajn ĉeĥajn bierojn kun Miroslav en Prago, kaj poste mi povis promeni en Karlovy Vary kun Miloŝ kaj Lenka.
Ne malpli plezuriga estis mia vizito al via Hamburga Esperanto-Societo. Bonan sukceson en ĉiuj viaj klopodoj.
Mi kaptas ĉi-tiun okazon danki publike al tiuj karmemoraj alilandaj esperantistoj - ne nur al la nomitaj! - ke ili tiom riĉigis mian vivon.



10.04.03: Vesna kaj Hilary en la klubejo

---



**Horizontale:** 1 Aro de buntaj sonoj. 11 Mallonga lando kun Svisa franko. 13 Civitano el Binzart aŭ Baltim. 14 Muzika trankvil'. 16 Lazur' iom pli ĝenerale. 17 Ŝillera aktivul' unuope. 18 Kunvenej' kun taŭro kaj urso. 19 Mallonga kunfondinto en Hamburg 1985. 20 Scienc' pri ĝi estis fondita de Demokrito. 22 Ŝirmita aŭ ne respondeca. 25 Inundo, dezerto, uragano simple estas tiel. 26 Ŝajne suna person' interne de floro. 27 Interna diferenco inter stacidoma alirejo kaj pipra insulo. 28 Pro ĝi sekvas dolor' al kor'. 30 Opero sen agado. 32 Kolego de Li Baj. 34 Centra parto de Panteono. 36 Tia person' estis la patro de MariaSibylla rilate gravuradon. 37 Utiligo en Greka botelo. 39 Bonvolu agi tiel piednote. 41 Lange sentebla afer'. 42 Mara serpent'. 43 Eble mastro aŭ ĉefo. 45 Ĉiela person' aŭ mallonga princino. 46 Malgranda litero kun stranga nomo en PIV. 48 Degojto en patrina voko. 49 Mallonge: 6°E, 49°N.

**Vertikale:** 1 Inter Nanga Parbat kaj K2. 2 Filo de Odino en valora metalo, li parolas kaj parolas. 3 El tia ej' venis s-ro Hajdo. 4 Japana vestaĵ' en Germana konstru-vendejo. 5 Seka fratino de malseka prujno. 6 En Germanio virina okup' sed multe pli supre. 7 Ne estas person', tiu breto. 8 Vere praa, tiu besto. 9 Ĝi faras el Sudamerikaj montoj marĝenajn aferojn. 10 En urbaj stratoj aŭtoj 25-horizontale. 11 Ampeloprazon oni ne nur povas rigardi sed tion. 12 "Vidu" diras la Anglo, rigardanta al la plafono. 15 Ĉu vere tia, sed komuna al Saŝa, Charlie kaj Fritz. 21 Por esti maŝino mankas io, sed ĝi indikas direkton. 23 Hobi' de Angela Lansbury. 24 Konvertiĝinta, nova planto. 29 Formanta objekt' masonita en tero. 31 Malpli ol nenion oni trovas en solvaĵ'. 33 Mi estas estinta en Romo. 35 Inter antaŭe kaj poste. 38 Krabra kant'. 39 Ujo kun centra signif' en Arkitekturo. 40 Kontraŭe al la ekiro, tia. 41 Ekscitil' kun ĉevalharoj. 44 Tio estas komenco kaj fino de ĉiuj samideanoj. 45 Tiele ne parolis Zaratuŝtro. 47 Ties kvadrato oble Pi estas cirkla areo.

**Nia programo**

| Junio 2003 | Julio 2003 |
| --- | --- |
| **5 Prepara vespero por la ekspozicio Du und Deine Welt**<br><br>**12** *V. Stanicic-Burchards:* **Diapozitivoj pri Ganao** (prokrastita de 10 de Aprilo)<br><br>**19** *Sylwia Pöhlmann:* **Orienta Pomerio (Hinterpommern)**<br><br>**26 Babilanta Rondo** | **3** *Werner Bormann:* **Raporto pri Mielno**<br><br>**10 Preparkunveno por Hamburga Somero**<br><br>**17 Hamburga Somero: Interkona Vespero Vespermanĝo** 19.00 h<br><br>**24 Somera Festo de HES Komenco:** 19.00 h<br><br>**31** Sen programo |

**Somera Festo**
de Hamburga Esperanto-Societo

Membroj bonvolu kunporti salatojn
kaj aliajn manĝaĵojn, taŭgaj por malvarma bufedo.

La Someran Feston ankaŭ ĉeestos la partoprenantoj
de la Hamburga Somero, kiu finiĝos vendredon.

Eblas disaŭdigi kasedojn kaj kompakt-diskojn.

---

**Hamburga Somero 2003**

Membroj de HES estas invitataj partopreni en la programo kun la gastoj por pliviglig la grupojn kaj por helpi al la organizantoj. Estas nur malmultaj membroj, kiuj preparis "HS" kun granda laboremo, Jutta, Mariko, Sylwia, Jan-Christof kaj Gerald kiel gvidanto.

| | |
| --- | --- |
| Ĵaŭdo 17.7.<br>Junulara tago en la centro<br>Renkontiĝo en la HES - klubejo. 11:00 ĝis 13:45<br>• promenado en la centro kaj ĉe lago Alster<br>• Interkona vespero<br>19:00 en la HES - klubejo<br>• 22:00 St. Pauli - vizito | Dimanĉo 20.7.<br>Tago ĉe la rivero Elbe<br>Renkontiĝo : 8:30 (!) sur la ponto por piedirantoj antaŭ metrostacio U3/S3 "Landungsbrücken" • vizito de fiŝmerkato<br>• 10:00 migrado ĝis la muzeohaveno Neumühlen<br>• ŝipveturado sur la rivero Elbe al la "ŝtuparokvartalo" de la antaŭurbeto Blankenese / muzeovizitoj - je malbona |

Vendredo 18.7.
Junulara tago apud la haveno
Renkontiĝo: 11:30 sur la ponto por piedirantoj antaŭ la stacio U3/S3 "Landungsbrücken"
• promenado apud la rivero Elbe
• rondirado en la "Schanzenviertel".

---

Sabato 19.7.
Tago en la centro kaj 1la lago Alster
Renkontiĝo: 10:00 pordego de la urbodomo "Rathaus"
• Rondirado en la centro de Hamburgo kaj ĉe la lago "Alster" • ŝipveturado / kanuado al la kvartalo "Harvestehude" aŭ promenado en la Alster parko.

---

Mardo 22.7.
Tago en la naturo: Renkontiĝo: 10:00 suda elirejo de stacio S 21 "Nettelnburg" biciklado * kaj migrado en pejzaĝo "Vier- und Marschlande"
• Por novalvenintoj:
Tago en la centro - aŭ en muzeoj (je malbona vetero) Renkontiĝo: 10:00 pordego de la urbodomo "Rathaus"
• vespere St. Pauli-vizito
Renkontiĝo: 21:00 elirejo "Reeperbahn" de la metrostacio U3 "St. Pauli"

---

Merkredo 23.7. Ekskursa +tago:
Renkontiĝo: 9:30 en la ĉefstacidomo ("Hauptbahnhof") ĉe "Reisezentrum" (proksime de elirejo "Kirchenallee")
Tuttaga ekskurso al Lüneburg - pro salominejo riĉiĝinta urbo kun belega historia centro.

vetero.

---

Lundo 21.7.
Scienca tago Renkontiĝo: 9:30 elirejo al "Ottenser Hauptstrasse" apud "Reisezentrum" de la stacidomo "Altona"
• Vizito de DESY (internacia fizika esplorcentro)
• Renkonti□ 14:00 norda elirejo de de metrostacio S1 "Klein Flottbek"
vizito de botanika ĝardeno
• vespere koncerto de Ralph Glomp

---

Ĵaŭdo 24.7.
Tago en Hafencity:
Renkontiĝo: 10:00 elirejo "Speicherstadt" de metrostacio U3 "Baumwall" vizito de dogana muzeo, informcentro pri projekto de "havenurbo" ("Hafencity") kaj rondirado tra la havena kvartalo
19:00 Adiaŭa vespero en la HES klubejo.

---

Vendredo 25.7.
Tago en Ottensen:
Renkontiĝo: 10:00 elirejo al "Ottenser Hauptstrasse" apud "Reisezentrum" de la stacidomo "Altona"
Temo: Ŝanĝoj en urbokvartalo tra la pasintaj jardekoj.
• Adiaŭo en kafejo "Stadtcafé" • forveturo de la HS - partoprenantoj al Kiel je la 16:19

---

Lokoj kaj tempoj de la renkontiĝoj ne ŝanĝiĝos!

## Ĉiĉeronoj serĉataj

Por la Hamburga Somero la organizantoj ankoraŭ bezonas personojn, kiuj estas pretaj helpi dum duona tago. La helpanto devus esperantlingve gvidi gastojn tra la

urbocentro aŭ promeni kun ili tra parko, aŭ nur akompani ilin ekz. dum butikumado.
Bonvolu anonciĝi ĉe Gerald Roemer Tel: 040 - 4917194

---

**2a Finowkanal-kunveno 2003**

20.-22.06.2003 ĉe Üdersee en Finowfurt

P R O G R A M O



Vendredo, 20.06.2003:
Alvojaĝo
18.00 horo: vespermanĝo, interkonatiĝvespero

Sabato: 21.06.2003:
07.30 - 9.00 h: matenmanĝo
09.00 h: ekskuro sur la Märkische Eiszeitstraße (glaci-epoka strato), tagmanĝo ie survoje
18.00 h: vespermanĝo, poste amuza vespero
Dimanĉo: 22.06.2003:
07.30 - 8.30 h: matenmanĝo

09.00 h: prelego pri la Finowkanal kaj laŭvole konversacio pri la vivo en la iama GDR
12.00 h: tagmanĝo en la Naturamika Domo
14.00 h: Ŝipveturo (veturprezo € 6,00)
18.00 h: verpermanĝo
La hamburgaj partoprenantoj forveturas 23.06.2003!
Loĝejo:
Naturfreundehaus "Üdersee", Üdersee 111, 16244 Finowfurt,
Tel: 03335-45 290 / Fax: 03335- 45 29 12
Interrete: www.nfh-uedersee.de
Alventuro:
Per aŭto: Aŭtoŝoseo A 11, elveturejo "Finowfurt"
Per trajno: Eberswalde ĉefstacio

Re al Esperanto en Hamburg